# LA LAMPIRO

57-a jaro n-ro 138 2016:2



## Almeida Júnior
## Pentristo de la kamparanoj

# Lingvaj respondoj

*"Malnovaj kaj novaj Esperantistoj ĉiam trovas en tiuj respondoj ĉu bezonatan klarigon, ĉu la spiriton de sia majstro, netrudema, sed liberama, mirinde klara, prudenta kaj pacigema. Flanke de l' Fundamento, de l' Fundamenta Krestomatio, ĝi estas la tria bazo de nia konstruaĵo." (G. S., ‚E' 1926, p: 56.)*




Aŭtoro: *L L Zamenhof*
Eldonejo: *Pro Esperanto*
Eldonjaro: *Viena, 1995*
(Represo de la 6-a eldono)
Formato: *24 cm, 140 paĝoj*
Prezo: *R$ 54,30*

KOVRILO

*Kamparano trançanta tabakon*, pentrita de la brazilano **Almeida Júnior** (1850-1899).

Fonto: Wikimedia Commons

**LA LAMPIRO** *57-a jaro n-ro 138 2016:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikarangô**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: José Dias Pinto

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro .................. | R$ 120,00 |
| Subtena Membro ................ | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro .......... | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
lunde kaj merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 18h.



## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Respekte al la E-komunumo en San-Paŭlo (eĉ en la tuta Brazilo), la nuna estraro de EASP klopodas revivigi, aktualigi kaj plioftigi sian tradician revuon "La Lampiro". Provizore, ĝi publikiĝu nur virtuale, sed ni esperas, ke la financa situacio de la asocio resaniĝos, tiel ke ankaŭ papera versio revenu. (Jen subtila invito al financa apogo flanke de la samideanaro...)

Ĝojigan apogon ni ricevis de pluraj geamikoj, kiuj pretas kontribui regule, per rubrikoj. Legantoj do trovos rubrikojn pri sciencaj, literaturaj, poeziaj, pedagogiaj, historiaj temoj. Krome, diversaj kompetentuloj favore reagis kaj sendis siajn artikolojn pri plej diversaj aliaj aferoj. Ni estas kontentaj kaj dankemaj por tia reago. Por tio taŭgas revuo en nia asocio: ĝi estu libera kanalo por esprimado de ideoj kaj riĉa fonto por kleriĝo. Mankas nun, ke niaj legantoj skribu al ni por komenti, aprobi, malaprobi, proponi ŝanĝojn, kontribui al sanaj diskutoj.

Se la revuo al vi plaĉas, diru tion al viaj amikoj; se ĝi ne plaĉas, diru tion al ni... Sed prefere ne silentu, ni petas.

# Vortoj de la Prezidanto

**Prof. Genildo Martins Coelho**



Per tiu ĉi nova numero de nia kara revuo, ni invitas ĉiujn niajn membrojn kaj simpatiantojn de Esperanto ne nur ĉeesti en la vivo de nia asocio, sed ankaŭ aktive partopreni en niaj kongresoj.

Nia ĉi-jara kongreso okazos en Ilhabela (Belinsulo) en la tagoj 8-a kaj 9-a de oktobro. Kelkaj informoj pri la evento kaj pri la gasturbo jam disponeblas ĉe la retligilo <easp.org.br/ilhabela>.

Vizitu la kongresan retejon kaj plenigu la aliĝilon. Via frua aliĝo multe helpos al la organizantoj aranĝi kiel eble plej bone la eventon. Rilate loĝadon, ni ege rekomendas ke vi tuj rezervu ĉambron en unu el la listigitaj gastejoj, ĉar, laŭ la loka organizantino, la insulo akceptas turistojn en ĉiuj monatoj de la jaro.

Kunigante niajn fortojn kaj laborante kune, ni konkeros nian celon, kiu estas la divastigado de neŭtrla internacia lingvo.  Antaŭen!

# Grefto: pripensinda aktualaĵo

**Lilia Ledon (São Paulo-SP)**

Mi pritraktos la grefto-temon ĉefe laŭ la vidpunkto de iu, kies vivo dependas de organo-ricevo. Ĉar ŝajne la informado ĝenerale centriĝas je peto de organoj, do je la sentoj de la donantoj. Tiam oni insistas pri la nobleco kaj malavareco de tiu, kiu, jam mortinta, iĝos savanto de alies vivo kaj samtempe super-vivanto dank'al la vivo(j) kiu(j) pluos pere de lia(j) organo(j). Fakte, estas necese trankviligi la homojn kiuj tro valorigas la sakralecon kaj integrecon de la materia flanko de la vivo, objektive montrante al ili la gravecon de la korpo, jes, sed kiel speco de subtenanto, portanto de la vivo-energio aŭ animo. Tiu vivanta energio aŭ animo ne dispartiĝos je la morto de persono kaj grefto de liaj organoj ĉe aliulo, ĝi probable cirkulos inter la mortinto kaj la greftito, en formo de interfrata amo.



*Simbolo de organgrefto*

La grefto-bezonanto turmentiĝas eĉ multe pli tiurilate; mi bone povas paroli pri tio ĉar en 2008 (do, de 7 jaroj jam) mi ricevis pankreason kaj renon kiuj liberigis min de diabeto kaj sango-dializo neimageble suferigaj kaj prezentantaj gravajn vivo-riskojn.

Oni kutimas reliefigi la angoron antaŭ proksimiĝanta morto ĉe la organo-bezonanto. Bedaŭrinde tiel estas por la plejmulto. En niaj civilizitaj modernaj socioj, ni provas eĉ ne pensi pri la temo, nur vivi, profiti de la vivo, ĝui la mondon, akumuli havaĵojn kaj plezurojn, grandajn personajn sukcesojn; iuj volas esti enterigataj kun siaj juveloj, aliaj kun sia karier-tabelo. "Dum mi vivos, mi..." jen la deklaro kiu protestas kontraŭ la morto. Ĉar malfacile oni degluiĝas de la ideo de morto kiel sinonimo de fino, neniiĝo, tristo, maljustaĵo.

Tamen ne! Eĉ naskiĝoj povas estigi psikologiajn negativajn reagojn, laŭ la cirkonstancoj en kiuj ĝi okazas, sed oni sisteme kutimas ĝoji. Iuj atingas alian percepton, ekster psikologiaj reagoj devenantaj de kutimoj. Morto kiel liberiĝo de korpa sufero, ekzemple. Morto kiel unu el la elementoj de la vivo, tute simple. Ĉiu vivanta estaĵo mortas, ĉiu scias tion, multaj eĉ kredas je supervivo de animo ktp. Sed oni ne multe prilaboras tiun ĉi esencan parton de la vivo, oni tro timas alfronti ĝin.

Tiel ke oni pelis min eniri en la vicon de organo-atendantoj, dum mi prefere elektus la pli simplan kaj naturan vojon: morti kiam estos la horo, eĉ se baldaŭa. Plie ricevi fremdan parton de fremda mortinto ŝajnis absurdaĵo nekoncep-tebla. Kaj ne temis pri "kuracado", nur pri alispeca traktado kun fortaj

medikamentoj kontraŭ-imunaj por eviti elpelon de la greftita organo, kaj konsekvence multaj flankaj efikoj, sen paroli pri la operacio mem, pri mia nejuneco...

La tuta procezo montriĝis tre peniga. Tre. Ege. Antaŭ, dum kaj post la duobla grefto. Mi tamen iam subite sentis min inundita de transcenda dankemo. Iom pli da vivo dank'al la partopreno de similulo konkrete ligita al mi. Ĉar la ciklo de vivo-kaj-morto estiĝas tia, kia ĝi devas esti. Medicino, organo-donantoj kaj –ricevantoj, aŭ kontraŭ-greftuloj neniel determinas ĝin, nur faras sian parton en la granda harmonio inter materio kaj energio. Iom pensu pri tio kaj ne sekvu nur la vojon de kutimoj kaj antaŭjuĝoj. Sentu ankaŭ vian koron kaj animon. Kaj ĉefe fidu al transcendo, destino.

Vi certe sentos vin dankema al ĝi.

## Leganto Reagas — Leandro Abrahão (Uberlândia-MG)

Pri la reaperinta revuo: vi petas reagojn de legantoj tuj en la malferma artikolo. Laŭ mi la revuo estas sufiĉe grava por plu ekzisti... mi ne nur tre ŝatas, sed delonge konas ĝin... iam mi havis eĉ paperajn eldonojn (kiujn post tralego mi donacis). Pri tio mi opinias: jes, ankaŭ paperaj eldonoj gravas, mi pensas, ke iuj ekzempleroj devus eldoniĝi por esti enmanigataj laŭ iuj apartaj reguloj, aŭ laŭmende – kio estus interesa rompo je la tradicia sistemo "tutjara abono". Tion mi diras, ĉar nuntempe ĉie oni facile trovas bonajn presejojn, kiuj presas malgrandkvante. Alia eblo estas presi unu jarfinan volumon kun ĉiuj numeroj – ĝin oni antaŭmendus iam en la jaro. Aŭ la asocio povus kolekti tekstojn en laŭtemajn kajerojn por speciala preso.

Mi havas legoplaton Kindle, kiun mi kunportas ĉien, kien mi iras, por ne maltrafi okazon legi... Mi preferas la bitecajn tekstojn... ĉion mi faras por en-Kindl-igi miajn legaĵojn. Jen granda problemo: malgraŭ ke Kindle estas konsiderata la plej populara kaj bona legilo, ĝi ne akceptas ePubajn tekstojn! PDF estas formo taŭga por preso, ne por legado. Do, laŭ mi la revuo devus aperi en ĉiuj tri formatoj: PDF, por tiuj, kiuj deziras presi ion (ekz. por kluba kunveno, por konservi k.s.), en ePub, por la plejmulto de la legiloj (Lev, Kobo, Nook ktp) kaj en la formo .mobi aŭ .AZW3, por Kindloj. Kiel laŭmende papera eldono: ĉar, mi, ekzemple, ŝatus ekhavi la revuojn en kiuj aperas miaj artikoloj. La ceterajn mi konservus bitece en mia aparato. Se mi dezirus presi ion, nu, mi alirus la paĝon de la asocio, elŝutus la de mi deziratan PDF-forman numeron kaj presus. Mi do proponas ankaŭ, ke la pli fruaj numeroj estu disponeblaj, sed ne nur la pli freŝa, kiel okazas nuntempe. Jen opinio de iu, kiu naskiĝis en pli-kaj-pli-senpapera epoko.

# Eduki por la vivo
## Neatendita leciono

**Dirce Sales (Rio de Janeiro-RJ)**



Rodrigo aĝis ses jarojn, kiam ŝia patrino venis en mian klasĉambron por iom interparoli kun mi kaj lasi la infanon sub miaj zorgoj.

Li perdis la aŭdkapablon pli-malpli je la 4-jaraĝo... "Mia filo, mia nura fileto, ricevis damaĝon al la sano pro la terura meningito."

Ŝi kaj la filo vivis tute solaj en kvartalo najbara al la lernejo. La patro ilin forlasis kaj ŝi bezonis labori por subteni la hejmon. Ŝi kutime elhejmiĝis frumatene kaj la infano restis sola, ankoraŭ dormanta.

Ankoraŭ ses-jara, li vekiĝis sola, zorgis pri sia higieno, surmetis la uniformon, ŝlosis la domon kaj iris al la lernejo protektata de la Dia boneco.

La unua nutraĵo estis prenata en la lernejo...

Simpatia, valora knabo, li tuj konkeris la amikecon de ĉiuj kaj ĉefe de la instruistino, kiu lin akceptis kvazaŭ filon en la koro.

Rodrigo rapide ellernis la aferojn, estis vigla kaj helpema kaj multe plaĉis al mi konstati ne nur lian kapablon lerni, sed ĉefe lian naturan tendencon helpi aliulojn.

Sed Rodrigo insistis ripeti ion, kio lasis en mia menso demandon sen respondo: li ĉiam sidiĝis sur la planko, apogis la kajereton sur la seĝo por kopii la lecionojn el la tabulo.

Kiam mi petis, ke li sidiĝu sur la seĝo por pli komforte kaj korekte plenumi la taskon, li ridetis, kapneis kaj daŭris je la sama loko.

Iam, pro neatendita manko de akvo en la lernejo, ni estis devigataj forliberigi niajn gelernantojn pli frue, ĉar labori en tiuj kondiĉoj estis absolute neeble!

Al ĉiuj, kiuj loĝis proksime aŭ havis telefonon hejme, ni povis komuniki la fakton kaj peti, ke la responsuloj prenu la infanojn, sed Rodrigo estis for de tiuj situacioj.

Mi decidis lin akompani al lia hejmo, kaj nur tiel mi komprenis la fakton, kiu devigis lin sidiĝi sur la planko.

Pro manko de tablo kaj seĝoj en la domo, li sidiĝis sur la planko, kaj apogis la kajeron sur lignoskatoloj, kiuj dum la nokto estis lia lito...

Fakte, niaj konceptoj, kaj sekve la teorioj, kiujn la metodoj nin devigas parkeri kaj obei, tute ŝanĝiĝas, kiam ni konas la aliulan realaĵon.

# Kino kaj aliaj artoj

## Recenzo - filmo: Mi trovas vin tre bela

**Anna Lobo (São Paulo-SP)**




```
Nomo: Je vous trouve très beau
Filmodaŭro: 1h35min
Reĝisoro: Isabelle Mergault
Aktoroj: Michel Blanc, Medeea
Marinescu, Wladimir Yordanoff
Tipo: Komika dramo
Nacio: Francio
```

Antaŭ ol komenci la recenzon, mi devas konfesi, ke mi havas grandan inklinon al ne-usonaj filmoj, ĉefe tiujn el Eŭropo. Se vi legis la antaŭan numeron de nia revuo, eble vi rimarkis tiun ĉi trajton, malgraŭ la argentineco de la filmo "La Blanka Elefanto". Mi ofte konstatas, ke tiaj filmoj donas plian atenton al ecoj kiel la arto de filmado, la historio kaj la esto de la protagonistoj dum filmado fronte al la situacioj. Ili ne estas "simplaj filmoj". Ili estas ofte kompleksaj, pezaj, intensaj kaj pli "humanaj". La historio disvolviĝas malrapide, kiel en la vivo mem, sen tro da sekureco por la ĉefa rolo. La spektanto neniam scias al kiu direkto la historio estos gvidata. Kaj kiam temas pri komikaĵo, estas interese observi la malsaman manieron en la humursento.

Omaĝe al tiaj filmoj – mi promesas, ke ĉi tiu ne estos la sola – mi venas prezenti al vi ĉi-foje tre ĉarman francan filmon "Mi trovas vin tre bela". Ĝi tuj komenciĝas per homo morta. Jes, la franca agrikulturisto Aymé Pigrenet vidviĝas, kaj tiam li ne plu sukcesas plenumi la hejmajn taskojn. Do, li eniras en entreprenon por serĉi novan edzinon. La estrino de tiu entrepreno, vidante ke li volas simple iun por helpi en la taskoj, indikas ke ili traserĉu iun en Rumanio, pro tio ke multaj volas foriri de la malfacila situacio de la lando. Tiam, li konas ŝin – Elenan.

La filmo estas delikata, bonhumora, kun multaj amuzaj momentoj pro la situacioj, kiujn ambaŭ roluloj trapasas ekde siaj grandegaj vivŝanĝiĝoj. Hazarde, iliaj vojoj kruciĝas, kaj estas interese vidi, kiamaniere tio influos la vivon de ili ambaŭ. Bone, mi ne volas diri multe pli pri la filmo, ĉar mi volas simple instigi vin spekti ĝin. Se al vi plaĉas tiaj filmoj, mi pensas, ke vi ne bedaŭros ĝui tiun ĉi dolĉan kaj amindan filmon. Kaj malkiel post la eŭropecaj filmoj, vi sentos vin eĉ malpeza, tiel delikata ĝi estas! Bonan spektadon! Ĝis la sekva filmo!

# Domo de Civitaneco

**Luiz Schanuel (Petrópolis-RJ)**

La societo "Casa da Cidadania" (Domo de Civitaneco), en Petropolo/RJ, estas Neregistara Organizo, kiu fondiĝis en septembro 1999. La projekto komenciĝis pere de la Komitato de la Agado de Civitaneco Kontraŭ Malsato kaj Mizero kaj por La Vivo, elpensita de nia karmemora Herbert de Souza, "Betinho", kiu movadis la brazilan socion ĉirkaŭ projekto, kaj vekis atenton pri la malica karaktero de riĉa lando kun tiom da malŝparo kaj popolo malsata.



*Domo de Civitaneco, Petropólis-RJ*

Unue, la kampanjo urĝis. "Oni ne rajtas paroli pri civitaneco, kiam tiom da personoj malsatas". Aliaj etapoj venis poste: dungo, sanigsistemo, ktp. En nia urbo, tiu movado daŭris du jarojn, per volontula servo kaj disdonado de supo al personoj vivantaj surstrate.

Poste, entreprenisto aĉetis kaj donacis la nunan konstruaĵon al la Centra Komitato, por ke la movado pligrandiĝu. Komprenante, ke necesas disvolvi laboron favore al socia promociado, la Centra Komitato organizis la domon por doni spacon al asocioj organizataj kaj organizotaj, kies celo estis direktataj al inkludo, promociado kaj reenkonduko socia, kaj promociado de personoj tra la ebleco partopreni en grupoj kaj asocioj organizataj. En la domo, okazas multaj eventoj, prelegoj, kursoj, projektoj de promociado favore la laboron kolektivan, seminarioj, diversaj kunvenoj kaj akceptado de homoj vivantaj surstrate, kaj fortigado de ligoj familiaj kaj korinklinaj.

Ĝenerala celo: disvolvi aktivecojn, kiuj ebligas, ke familioj, viroj, virinoj, infanoj kaj junuloj estigu novajn manierojn stari en la mondo kaj plibonigi memestimon, kaj ties protagonismon , kunlaboron, solidarecon, socian partoprenon. Ankaŭ plifortigi lokojn por instruado, socia decido kaj kontrolo.

*Domo de Civitaneco estis la sidejo de la BEL-Konferencoj, la 25-an kaj 26-an de marto 2016. En ĝi funkcias ankaŭ la Esperantorondo en Petropolo. Ni kore dankas ĝian estraron por la simpatia akcepto.*

# Ĉu poezio necesas?

## Marjorie Boulton

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**

La plej eminenta kaj famkonata Poeto el Esperantujo, D-rino Marjorie Boulton, angla verkistino, naskiĝis la 7-an de majo 1924.



*Marjorie Boulton*

Poeto, novelisto, dramverkisto, eseisto, tradukisto, biografiisto, kandidato al Nobel-premio pri literaturo proponita de la Esperanta PEN-centro en 2008, ŝi estas membro de la Akademio de Esperanto, honora membro de UEA kaj prezidanto de la esperanta kat-amikara asocio Rondo-Kato.

Profesie ŝi estis instruistino kaj ŝi doktoriĝis pri literaturo ĉe la Universitato de Oksfordo en 1976.

La verkado de Marjorie Boulton – kaj angle kaj Esperante – plenas je ideala humanismo. Ŝia emocia poemaro prezentas (foje per eleganta humuro) la turmentojn kaj pasiojn de virina animo.

Jen bela penso ŝia:

*"Ŝajnas ke, dum mi serĉas mian propran plej realan memon, mi duonkonscie serĉas ion, kio estos valida por ĉiuj homoj."*(*)

Menciindas ŝiaj poemaroj **Kontralte** (1955), **Cent ĝojkantoj** (1957) kaj **Eroj kaj aliaj poemoj** (1959). Indas ankaŭ memori pri ŝia belega biografio de **Zamenhof** (1962).

Ŝiaj versoj estas lumoj, kiuj plene fontas el ŝia triopa lirika memo. Ni plukas kelkajn poeziajn florojn el ŝia verkaro por via ĝuo:

**Triopa Memo**

Mi estas tri. La digna lektorino
kun krajon' kritika libron legas.
En nigra robo, pri la origino
de l' dramo primitiva ŝi prelegas.

Dume, en koro, primitiva dramo
okazas, ĉiam freŝa kaj terura;
sub nigra robo brulas nun pro amo
virino simpla en dezir' tortura.

(*) Marjorie Boulton. El Eroj kaj aliaj poemoj (Enkonduko).
J. Régulo-Eldonisto, La Laguna - Kanariaj Insuloj, 1959 - p.12

*Daŭrigota sur la paĝo 22*

# Senti sin

**Vinicíus HPR (Campos dos Goytacazes -RJ)**



*Blindulo gvidas blindulon – Pieter Bruegel (1525-1569)*

“Mi naskiĝis blinda. Fojfoje iu demandas, kiel mi sukcesas kompreni la mondon tiele. Mi povas imagi. Ĉu vi jam aŭskultis la kanton de la birdoj? Nur per la kanto mi povas imagi la birdon. Tiu birdo, kiu ĵus kantis, estas granda kaj forta. Eble ĝi kapablas flugi dum longaj horoj. Mi ne bezonis vidi por scii, kia estas la birdo.

Mi povas senti la mondon.

Mi scias ke la suno estas grandega pilko, kiu varmigas nin, sed tiam, kiam la suno ne aperas pro la nuboj, la homoj simple diras “Hodiaŭ estas nuba tago”. Tamen, por mi la nubaj tagoj estas kiam la suno kaŝiĝas malantaŭ la nuboj, kaj ĝi ŝajnas granda malbongusta ostro. Tio estas la nuba tago.

La plej scivolemaj ofte demandas, kiel mi imagas la kolorojn. Kaj denove mi diras, ke mi ne bezonas vidi por senti la mondon.

La ruĝa koloro estas kiam oni prenas varman glason da kafo kaj sentas ĝian varmecon. Imagu, jen la ruĝa koloro.

La rozkoloro estas kiam niaj patrinoj karesas trankvile niajn vangojn. Jen la rozkoloro.

La blua estas kiam iu diras al ni malbonajn novaĵojn kaj niaj koroj frostiĝas. Jen la blua.

Mi neniam vidis, sed mi kredas, ke mi sukcesas kompreni la mondon pli bone ol multaj homoj.

Hieraŭ iu demandis, chu mi volas povi iam vidi, kaj mi demandis: Kial vidi se mi povas senti?”

Tiu supre estas fikcia teksto verkita de mi mem, sed tiu blinda rolulo taŭgas por pensigi nin pri nia vivmaniero. Ĉu ni vere sentas la mondon aŭ ĉio pasas peter ni kaj ni ne sentas?

Ĉu la ruĝa koloro havas senton, formon, varmecon aŭ ĝi estas nur simpla koloro?

La plej granda parto de la homaro estas blinda, ili rigardas la mondon, sed ili ne sentas ĝin. Tial, ili estas blindaj.

Kaj vi? Cu vi povas senti la mondon aŭ vi estas nur unu plia blindulo?

# El la pasinteco, tutkore.

## Aprilo, monato de Raymond Schwartz

**James Piton (Paulínia-SP)**



*Raymond Schwartz (1894-1973)*

*Hodiaŭ vi, leganto, eble jam kontrolis viajn retmesaĝojn, aŭ sendis teksteton per Twitter/Whatsapp, aŭ vi jam afiŝis/rigardis fotojn en Facebook/Instagram, aŭ vi jam mendis/pagis ion per retpaĝo. Eble vi eĉ jam ĉion-ĉi faris sinsekve. Antaŭ 100 jaroj, vi certe estus uzanto de poŝtkartoj por tio. Esperantistoj ne nur interŝanĝis mallongajn mesaĝojn per tiu rimedo (la ĉefa celo), sed ankaŭ per poŝtkartoj ili interŝanĝis fotojn pri si mem, pri sia E-klubo, kolegoj, esperantaĵoj kaj loĝloko. Esperantistoj presis bidkartojn por diskonigi sian poezion, por varbi al la lingvo kaj por reklami siajn aranĝojn, varojn kaj eldonaĵojn. Ili ricevis konteltirojn de UEA per poŝtkartoj kaj eĉ pagis per poŝtkartaj ĉekoj (en Spesmiloj, esperanta monunuo) de la Ĉekbanko Esperantista. La poŝtkartoj estis tiel intense kaj varie uzataj kiel nuntempe la komputilaj retoj. Sed poŝtkartoj lasis spurojn kaj troviĝas ĉe kolektantoj kiel neelĉerpebla fonto pri nia E-historio, el la vidpunkto de ĉiutaga uzanto de la lingvo. En "La Lampiro" ni prezentos kelkajn specimenojn por iom rakonti pri la riĉa historio ĉirkaŭ nia internacia lingvo.*

La lastan 8-an de Aprilo oni festis la naskodatrevenon de unu el la Esperanto-parolantoj, kiuj plej profunde kaptis la esencon de nia lingvo: la franco Raymond Schwartz (1894-1973). Li plene regis la lingvon kaj pro granda talento li fariĝis konata kiel majstro pri ŝercoj, vortludoj, kalemburoj, en prozo kaj poezio.

Li konis la etoson de la kabaretoj de la pariza kvartalo Montmartre kaj ĝin perfekte transmetis al Esperanto. En 1920 li fondis kaj kunanimis ĝis 1926 ĉiumerkredan kabareton "La Verda Kato", paŭsaĵo de la fama 19-jarcenta pariza kabareto "Le Chat Noir" (La Nigra Kato).

Inter 1932 kaj 1939 li partoprenis la kabareton "La Bolanta Kaldrono" kaj inter 1949 kaj 1956 li vigligis la semajnan kabareton "La Tri Koboldoj". En ĉi-lasta kelkfoje partoprenis iama prezidanto de EASP, Gilbert Ledon (1931-2003), kiu per suka prelego rakontis pri sia tiama sperto. Kiel pledanto por efektiva uzo de Esperanto kiel plena lingvo, li trovis la originalajn kabaretojn vera apliko.

Poezio, skeĉoj kaj kanzonoj kun muzikinstrumentoj estis la ĉefa enhavo de tiuj kabaretoj, en kiuj pluraj nomoj de Esperanto-artistoj manifestis sian talenton. Multaj poste fariĝis monde konataj en nia komunumo.

La ironio de Raymond Schwartz ofte direktis sin al diversaj formoj de aŭtoritateco kaj subpremo - kaj li spertis la du mondmilitojn. Naskiĝinte en Alzaco, la unuan militon li partoprenis kiel germana soldato, la duan li travivis kiel franca oficiro. Li primokis ankaŭ kutimojn de la Esperanto-komunumo kaj ties ĉefoj sed li estis senkompata ankaŭ pri si mem. Ĉiam altnivele!

Kelkaj liaj libroj estas kolektoj de materialo, kiun li produktis por la kabareto, kiel La Stranga Butiko (vortludo kun "lastranga"). Li ankaŭ aperigis dum kvar jaroj la monatan gazeton "La Pirato", kun satiroj de la mondo de Esperanto, kio montris, ke la "artefariteco" de nia plenvivanta lingvo jam estis nur teoriaĵo.

La leganto estas invitata frandi iom pri la verkoj kaj la vivo de

Raymond Schwartz ĉe *http://kabareto.esperanto.cc* . Tie oni havas ankaŭ sonregistrojn de lia voĉo, ekzemple el surbendigo en 1951. Ĝin postlasis mia franca amiko Daniel Luez (1924-2013), eminenta tradukanto, kiu same vizitis la kabaretojn. En unu el ili, la surbendigo estis uzita en skeĉo de la tiama TEJO-kongreso, kvazaŭ li parolus telefone al la kongresanoj. Tial oni aŭdas nur liajn frazojn:

— Bone, mi tre plezure sendas miajn plej korajn salutojn al vi kaj viaj gekamaradoj, kaj mi povas nur bedaŭri, ke mia aĝo ne plu permesas al mi esti junulo inter gejunuloj.

— Jes, preskaŭ! Vidu, aŭ pli ĝuste aŭdu: korpe, oni vole nevole maljuniĝas, sed anime oni povas kaj devas resti juna ĝis la fino!

— Ha, mi gratulas al vi por via bonega memoro kaj, ĉar estas tamen tempo fini ĉi tiun babiladon (la telefonkonversacioj estas tre multekostaj!) mi citos al vi, do, por fini, kaj por viaj kamaradoj, la

*Daŭrigota sekvapaĝe*




*[Fota poŝtkarto kun aktoroj de skeĉo en "La Verda Kato", 1925, ĉirkaŭ la kabaretafiŝo. Apud la afiŝo, kun la du manoj ĉe sia talio, Marga Rinetta, artista nomo de la edzino de Schwartz]*




*Poŝtkarto kun reklamo de "La Verda Kato"*




*Poŝtkarto kun la afiŝo de "La Verda Kato" (mankolorigita)*

lastajn versojn de tiu poemo, kiun ĵus vi menciis:

“Se vi volas argumenton,
Ĝin mi tiel ĉi formulas:
Ofte neĝas sur tegmenton
Dum interne fajro brulas!
Sekve sciu, mia knabo,
ke mi havas ĝis nunhoro
kvidek jarojn sur la kapo,
sed nur dudek en la koro!”

Kaj kun tiu ĉi optimista noto, mi aldonas por via kunveno ĉiujn bondezirojn pri sukceso kaj bela vetero. Kaj vi, kara amiko, ne forgesu baldaŭ reveni en nian Parizan Kabareton “Ĉe la koboldoj”. Ni atendas vin ! Ĝis baldaŭ!

La strofon mi iom libere portugaligis jene:

“Se quer um recado,
vou assim formular:
pode nevar no telhado
mas dentro há fogo a queimar!
Por isso, garoto, não esqueça,
tenho a seguinte proporção:
são cinquenta anos na cabeça ,
mas apenas vinte no coração!”

Ĝis la falonta vojo… ne… pardonon, ĝis la venonta fojo!

# Artistoj en San-Paŭlo

## Almeida Júnior


*La pentristo*

Dum la lasta duono de la 19-a jarcento vivis brazila artisto, kiu postlasis majeste belajn pentraĵojn. José Ferraz de Almeida Júnior (1850-1899) naskiĝis en la urbo Itu, en la ŝtato San-Paŭlo kaj famiĝis meritoplene, precipe pro la pentrado de regionecaj figuroj per realisma stilo: liaj plej belaj pentraĵoj montras la kamparanan homon en tute aŭtentika maniero. Lia bildo "Kamparano tranĉanta tabakon" listiĝas inter la plej belaj en nialanda galerio.

Almeida Júnior estis artisto ekde sia infana aĝo. Kiam li estis 19-jara, li translokiĝis al Rio-de-Ĵanejro, por kompletigi siajn studojn. Tie li impresis la kortegajn gravulojn per sia simplula maniero kaj eksterordinara talento. Imperiestro Petro la II-a ricevis fortan impreson pro tio, kaj starigis stipendion por ke la junulo veturu al Parizo. Tie li loĝis en Montmartre kaj frekventis la Nacian Superan Belartan Lernejon. Li ekspoziciis siajn verkojn en Pariza artsalono, kvarfoje. Poste li vizitis Italujon.

Reveninte al Brazilo, li ricevis gloran sukceson per ekspozicioj en Rio kaj San-Paŭlo. La imperiestro distingis lin per la titolo de kavaliro.


*Resopiro - Unu el liaj lastaj pentraĵoj*


*La Bapto de Jesuo*

La impresionisma movado alvenis, sed la artisto tute ne partoprenis en ĝi. Li plu rafinis la desegnan arton kaj la anatomion en klasika, akademieca formo. Ofte allogis lin la religiaj temoj, kiel videble en "La Bapto de Jesuo", en 1895.

En la fino de sia vivo, Almeida Júnior sin dediĉis al pentrado de kamparanoj kaj de ĉiutagaj scenoj de popolanoj. Unu el liaj lastaj verkoj estas la sentoplena, kortuŝa "Resopiro", el 1899.

La granda artisto mortis tragike, kiam li estis nur 49-jara. Lia kuzo lin ponardis surstrate, en la urbo Piracicaba (ŝtato San-Paŭlo), pro supoze vundita honoro.

# Eŭreka

**Luis Guilherme Souto Jardim (Charqueada-SP)**
Mag. Interlingvistiko kaj Esperantologio UAM

*Saluton kara leganto. Jen nova interesa artikolo pri scienco en nia rubriko. Ĉifoje temas pri la "molekulo de la vivo", la DNA, kaj kune ni enkondukas novajn fakajn vortojn. Jen ĝi:*

GENOJ KAJ DNA
La "molekulo de la vivo"



*Oswald Avery (1877 - 1955)*



En la unuaj dekoj de la dudeka jarcento estis, klare, akceptite ke la genoj de iu ajn organismo lokiĝas en ĝiaj kromosomoj. Sed el kio ili estas farataj? Strange, la sugesto ke ili povus esti formata el DNA (desoksiribo-nukleata acido, por doni ĝian tutan nomon) estis faritaj en la malproksima jardeko 1880, sed neniu tiam prenis ĝin serioze. Oni sciis ke la kromosomoj estis el proteinoj kaj DNA, sed la personoj opiniis ke la genoj estis lokitaj en la proteina porcio. DNA ŝajnis esti neinteresa molekulo, konsistigita nur el ses partoj: ribozo, fosfato, kaj la kvar "bazoj" – gvanino, citosino, adenino, timino. Kiel iu kemia substanco, tiom organizita, povus transporti ĉiujn informojn necesajn por la konstruado de ia viva organismo? Multaj eble, diris: la DNA ebligas ian ŝtuparon al la kromosomoj, kie estus organizitaj la genoj formitaj el proteinoj.

Ofte okazas en sciencaj esploroj, ke la vero ekaperas el diversaj pecoj de evidentecoj. La unua, la plej grava, estis donita de kuracisto esploristo, Oswald Avery, kiu en 1944 laboradis, en Usono, kun Diplococcus pneŭmoniae, bakterio kaŭzanta pneŭmonion. Tiu estis esploro plej grava tial, ĉar antaŭ ol la apero de la antibiotikoj, la pneŭmonio estis la plej granda nura kaŭzo de morto en la okcidenta mondo. Avery estis traktinta tiun problemon dum pluraj jaroj kaj estis baldaŭ emeritiĝonta. Li provis trovi manieron bridi la malsanon kaj li sciis ke la bakterio manifestiĝadis dumaniere: la ordinara, mortiga, kun ekstera glata kovraĵo, kaj la mutacia formo "malglata" kiu estis multe malpli malsaniga – se ĝi troviĝus sola. Tamen, oni jam sciis antaŭ ĉirkaŭ dek ok jaroj, ke la bakterioj "malglataj" necesas nur interkontakti kun la "glataj" bakterioj por reakiri sian

"glatan aspekton" kaj sian malsanigan kapablon. Ankoraŭ pli strange, la "glata" bakterio havis tian efekton transformigan eĉ se mortinta. La malglataj bakterioj povus evidente iĝi glataj elprenante ian substancon el la mortintaj bakterioj, tiam ĝi transdonas tiun glatan aspekton akiritan al la idaroj. Kiel difino, tio, kion la bakterioj absorbis, devus esti la geno de la glata karaktero. Avery kaj unu skipo de kunlaborantoj eklaboris por malkovri el kio la geno konsistis.

Tio estis grandega tasko. La mortintaj bakterioj enhavis proteinojn, grasojn, karbohidratojn, nukleatajn acidojn, inklude DNA-n, kaj multe pli. La metodo elektita de Avery estis eltiri aŭ detrui ĉiun el tiuj komponaĵoj el la miksaĵo, unu post alia, ĝis li trovis la kulpulon. Baldaŭ li ekskludis la proteinojn. Li traktadis la glatajn mortintajn bakteriojn per potencaj enzimoj, kiuj kapablas frakasi iun ajn proteinon kaj la miksaĵo rezultanta, tute malstrukturigita, ankoraŭ portis sian transformigan kapablon. La enzimoj frakasadis grasojn aŭ karbohidratojn, kaj estis same neefikaj. Fine, Avery provis unu enzimon kiu frakasas la DNA-n. Tuj la mortintaj bakterioj iĝis sendanĝeraj. Avery estis modesta homo kaj la artikolo anoncanta la rezulton de lia laboro ne diris ke "genoj estas formitaj el DNA." Sed ne necesis. Ĉiuj vidis ke nur povas esti tio.

---

O.T. Avery et al, Journal of Experimental Medicine, 79, 137-157 (1944)



# Kiu ridas, mizeron forigas

**DISKONIGO**

Johaneto fervore frekventis la lecionojn pri religio. Unu tagon li revenis el la klaso kaj demandis sian patron:

— Paĉjo! Kiam Jesuo resurektis, li aperis unue al virinoj, ne al viroj. Kial?

— Mi ne estas certa, Johaneto. Sed mi supozas, ke li intencis, ke la novaĵo rapide diskoniĝu.

**PLI INTELIGENTA**

En la unua lerneja tago Johaneto revenis hejmen post la klaso kaj diris al sia patrino:

— Panjo, mi estas pli inteligenta ol mia instruistino.

— Kio?! Kiel estas eble?

— Ja! Mi transiris al pli progresinta klaso kaj ŝi restis en la sama klaso kiel pasintjare!

# Iom pri muziko

## Kio estas muziko?

Alfredo Aragón (Rio de Janeiro-RJ)

**Unua aĵo: muziko.**

Laŭ pluraj personoj muziko estas la arto kombini sonojn; laŭ aliaj, muziko estas Dia manifestaĵo. De Ménil (aŭtoro de la konata “La Espero”) diras: "Arto elmontri la belecon per la sonoj simple sinsekvantaj aŭ kunmetitaj" (difinoj poeziaj sed ne klarigaj). En PIV oni legas: "La arto esprimi sentojn per harmonia aranĝo de sonvibroj". En la Konservatorio de Cali (Kali, Kolombio) oni legas jenan frazon sur ŝtono: *“Ars vitae populorum semper revelavit”*: La Arto ĉiam montras la vivon de la popolo. Tre bone, sed, kio estas muziko?

Muziko estas la kombino de du gravaj elementoj: Ritmo kaj Sono.

Ritmo, muzike, estas la kombino de frapoj (ne gravas sur kio oni bruas, tamen rekonebla) en iu difinita tempunuo, ĉu rapida, malrapida, aŭ tre rapida, muzike nomata pulso. Por la skribo de la ritmo oni kreis la figurojn de notoj: tempunuo estas difinita pere de sekundoj, ĉu sumo aŭ divido de ĝi, ĝenerale la rapido de tempunuo estas determinata per vortoj kiel *moderato*, *andanto*, *allegro* ktp., sed post Betoveno, oni uzas por indiko de rapido la “metronomon”, nome aparaton, kiu dividas la minuton laŭvole; ekzemple: 95 pulsoj en minuto, sufiĉe rapida; 43 pulsoj en minuto, vere malrapida, aŭ 230 pulsoj en minuto, rapidega.

Sono estas iu determinita kvanto da vibradoj mezurebla. Ne mezurebla aŭdado estas bruo. Sed nemezureblaj sonoj (bruo kun kvalito ), povas esti muziko, se ĝi ritmas. Nomoj de sonoj estas: *do, re, mi, fa, sol, la, kaj si*. por la skribo de sonoj oni kreis precipe la kleojn (tri: *fa, do, sol*) kaj por helpo pentagramon, dieson, bemolon, bekvadron kaj adiciajn linietojn super kaj sub la pentagramo.

Bone, sufiĉas por muzikaŭskultantoj tiu parolado pri gramatiko.

**Dua aĵo: aŭdebla.**

Almenaŭ ni jam havas iom da nocioj pri terminoj kaj simplan difinon pri muziko, tiu afero, kiu ravas nin, kiu fariĝas memorinda emociplena momento. Kiu aŭdas muzikon kaj ne tuj kondukas sian penson al iu difinita momento? Ĉu ama, ĉu malĝoja. Sed kia muziko estas nia plej alloga? Ĉu pratempa? ĉu aktuala? ĉu popola? ĉu populara? ĉu romantika? Eblecoj estas pluraj kaj varias laŭ persono.

Do, mi imagas aŭ supozas ke vi preferas pli erudiciajn kaj de tre kleraj komponistoj (akademiaj) por kelkaj konata kiel “klasika” por aliaj kiel “erudicia” kaj por la plimulto kiel “dormiga” muziko.

Mi ne haltos ĉi tie. Nia temo pli longe daŭros. Bonvolu atendi.

# Esperanto en la meso por Edmo Lutterbach

**Graça Thuler (Niterói-RJ)**

Mi raportas al la legantoj de “La Lampiro” pri tio, kio okazis en katolika meso, en la urbo Niterói/RJ. Ĝi okazis sep tagojn post la forpaso de Edmo Rodrigues Lutterbach, intelektulo kaj prokuroro en la ŝtato Rio de Janeiro. Li estis brila profesiulo, eksprezidanto de Beletra Akademio de Ŝtato Rio de Janeiro kaj membro de pluraj aliaj akademioj.



*Edmo R. Lutterbach*
*(1032 - 2011)*

Ĉeestis la meson multaj familianoj, kolegoj el la akademioj kaj Esperantistoj. Preskaŭ je la fino de la ceremonio, la pastro parolis pri liaj diversaj agadoj kaj petis, ĉu iu el la ĉeestantoj havas pli da informoj pri lia ampleksa laboro. Tiam mi stariĝis kaj informis, ke D-ro Edmo estis ankaŭ tre simpatia al Esperanto, ekde la jaro 1950, ĉar la internacia kantistino, poeto, esperantista akademianino kaj deklamistino Neide Barros Rego, amikino de Edmo, posedas en sia biblioteko libron, de li aĉetitan en tiu jaro.

Edmo estis lernanto en Niteroja Esperanto-Klubo, kie li sidiĝis kiel simpla lernanto de tiu lingvo. Li estis eminentulo, kiu apogis nian movadon. Li aktive partoprenis en pluraj Renkontiĝoj de Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, en la Tutamerika Kongreso de Esperanto, en San-Paŭlo, kaj en pluraj Brazilaj Kongresoj de Esperanto.

En la 42-a Brazila Kongreso de Esperanto, en Rio, en la jaro 2007, okaze de la prezento de poemoj el la antologio Brazila Esperanta Parnaso, organizita de Neide Barros Rego kaj Sylla Chaves, Edmo deklamis, en la portugala lingvo, sian originalan soneton “Na Praia sem Ela”. La eminenta poeto Geraldo Mattos tradukis al Esperanto ĉi tiun poemon kaj ĝin deklamis, ankaŭ, tiuokaze.

Pastro Elídio Robaina, kiu gvidis la meson memore al Edmo, ĝoje informis, ke ankaŭ li mem iam lernis Esperanton siatempe, en la religia seminario, kaj ankoraŭ simpatias al Esperanto kaj al ĝia idealo de frateco por la tuta mondo.

Pro ĉio tio, Edmo Rodrigues Lutterbach estas nemortemulo!

# Vidindaĵoj en San-Paŭlo

## Monumento Ipiranga



*Monumento al la Sendepediĝo*

Dum pli ol tri jarcentoj, Brazilo estis kolonio de Portugalujo. Tamen, pro napoleonaj minacoj, la portugala kortego translokiĝis en Brazilon en la 18-a jarcento. Kiam ĝi revenis al Eŭropo, princo Petro restis en nia lando, kaj post multaj politikaj okazaĵoj, li fine proklamis la sendependecon disde Portugalujo, kaj fariĝis Imperiestro Petro la I-a.

Monumento Ipiranga, alinome Monumento al la Sendependiĝo de Brazilo, estas unu el la plej imponaj simboloj de San-Paŭlo. Ĝi situas proksime al la loko, kie Dom Petro la I-a, en la jaro 1822, sur tiam vasta kampo, proklamis la sendependecon de Brazilo. La monumenton oni inaŭguris je la 7-a de septembro 1922, sed plena kompletigo de ĝia konstruo okazis nur kvar jarojn poste. La projekto rezultis de konkurso starigita de la ŝtata registaro kaj venkita de la itala artisto Ettore Ximenes. Lian projekton oni tamen poste iom modifis por aldoni detalojn rilatajn al periodo de la historio, antaŭ la sendependiĝa tago mem.

Post kelkaj jardekoj oni aldonis elementojn al la konstruaĵo. Oni konstruis interne specialan ĉambron, kien oni transportis la korprestaĵojn de la imperiestro (tamen lia koro restis en la urbo Porto, en Portugalujo), en 1972. Ankaŭ kapelo ekzistas interne, kaj la tutan konstruaĵon oni povas viziti senpage, de mardo ĝis dimanĉo, de la 9-a ĝis la 17-a horo.

## Dinĉjo kaj la sorĉistino



# Pri divido kaj maldivido de vortoj
## Kelkaj lernofontoj

**Leandro Abrahão (Uberlândia-MG)**

*Dividi* kaj *maldividi* ĉi-okaze dependas de la starpunkto. Eble vi hezitas aŭ iam hezitis pri tio, ĉu ligi aŭ ne "dudek du" (dudek-du), "du mil" (du-mil) k.a... ĉu ligi aŭ ne "dudek dua" (dudek-dua). Eble vi iam renkontis malligon kiel "trajn- kaj busbiletoj" (kion oni faras por ne ripete skribi la vorton "bileto"). Pri tiaj ligoj kaj dividoj oni ne ofte legas en gramatikolibroj – ja necesas legi literaturon, ĝis tiuj formoj montriĝas kaj oni povas lerni. Jen alia speco, kiu troveblas en Malnova Testamento: ...tridek **kor'oj**[1] da delikata faruno (el Reĝoj I, 4:22). Kaj jen kion oni trovas ĉe Jorge Camacho: ...medio **sen-aŭ ali-religia**.

Pri divido de vortoj en "kompostado" (ĉe la fino de iu linio) skribas Zamenhof en Esperantisto (1893, p.32): Transportante la vortojn el unu linio en la sekvantan, **ni ordinare dividas ilin per iliaj partoj gramatikaj, ĉar ĉiu parto gramatika en nia lingvo prezentas apartan vorton**. Tiel ni ekzemple dividas: "Esper-anto", "ricev-ita" k.t.p. Sed tio ĉi tute ne estas deviga regulo; ni faras ĝin nur por ne rompi subite kun la kutimoj de aliaj lingvoj: efektive tiu ĉi maniero havas nenian celon kaj signifon, ĉar la transportado de la vortoj estas afero pure papera, havanta nenion komunan kun la leĝoj de la lingvo; ni konsilas al vi per nenio vin ĝeni en la dividado de la vortoj kaj fari ĝin tute tiel, kiel en la donita okazo estos al vi pli oportune. Eĉ se vi dividos ekzemple "aparteni-s", ni vidus en tio ĉi nenion malregulan, kvankam la aliaj lingvoj (tute sen ia logika kaŭzo) ne permesas tian dividadon.

Tiu ĉi respondo de Zamenhof donis sufiĉe da materialo al la rusa esperantisto Sergio Pokrovskij[2]. Li verkis tre instruan studaĵon[3] pri la temo, nome *Rekomendojn pri vorto-divido en Esperanto*. Li pritraktas la aferon plej detale el estetika kaj praktika vidpunktoj. Laŭ li "la provoj normigi la esperantan vortodividon diversmaniere kombinas tri ĉefajn principojn: a) la principo *ajnisma*: oni dividu la vortojn iel ajn; b) la principo *morfologia*: oni dividu la vortojn laŭ la morfologiaj limoj; c) la principo *fonetika*: oni dividu la vortojn laŭ la prononca (voĉlega) oportuno; plej ofte oni prezentas tion kiel 'vortodividon laŭsilaban'."

Sergio asertas, ke ĉiujn principojn oni trovas ĉe Zamenhof, kaj ke lia respondo en *Esperantisto* referencas al la principoj *morfologia* kaj *ajnisma*. Kvankam la principo *fonetika* estas sufiĉe ordinara, *ajnisma* divido troviĝas ekzemple en la verko "Historio de UEA" (Ziko van Dijk,

2012, eldonejo Espero): 1) Zamenhof konstatis ke la afero **forg/litos** el liaj manoj… (p.31); 2) …oni komprenis la **gravec/on** de unueciga bazo… (la signo "/" markas la iron de parto de la vorto en la sekvantan linion).

Por konatiĝi kun ĉiuj flankoj de la afero, laŭ la studaĵo de Sergio, oni turnu sin al lia verkaĵo. Oni povus citi kiel lernofonton ankaŭ la Vikipedian[4] artikolon "Vortodivido", kiu referencas al aliaj fontoj de scioj. Sergio mencias kelkajn gramatikistojn (ekz. Bertilo, Gaston Waringhien kaj Kálmán Kalocsay) kaj analizas la proponitajn principojn, inkluzive de aliaj lingvoj. Cetere, la *rekomendoj* de Sergio konsideras ne *unu* principon, sed *kombinon el ili*.

Pri *dudek du* ni diru: oni ne ligas la du partojn. Oni do ordinare ne skribas *dudek-du*. Kontraŭe, oni ordinare ligas *dudek-dua*. Sed ankaŭ ne ligas! Jen kion oni lernas el la ekzercaro de la Fundamento de Esperanto[5]: Georgo Vaŝington estis naskita la dudek duan de Februaro de la jaro mil sepcent tridek dua. Kaj jen alispecaj ekzemploj: Mi aĉetis dekduon (aŭ dek-duon) da kuleroj kaj du dekduojn da forkoj; Unu tago estas tricent-sesdek-kvinono aŭ tricent-sesdek-sesono de jaro.

Bonan studadon!

---

[1] Laŭ Plena Ilustrita Vortaro: kor/oZ: mezurunuo de kapacito (ĉ. 364 l)
[2] https://eo.wikipedia.org/wiki/Sergio_Pokrovskij
[3] http://pok.heliohost.org/eo/artikoloj/vortodivido/vortodividaj_rekomendoj.html
[4] https://eo.wikipedia.org/wiki/Vortodividol
[5] http://www.akademio-de-esperanto.org/fundamento/ekzercaro.html (§12 kaj 14).

## Marjorie Boulton

*(Daŭrigo de p.10)*

**Triopa memo** *(daŭrigo)*

La lektorino pensas. La virino
baraktas, krias, nur angoron sentas.
Sed la Poet', per arta disciplino,
observas ilin ambaŭ, kaj komentas.

**La katido dormas**

Sen scivolemo kaj sen apetito,
sur la kanap' li rondas.

Nur la fluida flank' silente ondas;
sen li la brua, skua mondo mondas.
Li kaŝas la vizaĝon, faras sian
propran mallumon, cirklon senpasian;

li estas io strange absoluta;
li estas surda, blinda, milde muta,
fermita cirkvito.

Belinsulo 2016

10-a Esperanta
Kongreso de la
Ŝtato San-Paŭlo

*8 - 9 oktobro*




easp.org.br/ilhabela